# Antaŭparolo

**Vortaro:** Vidante vorton 'ĉi-aspektan' (sen citiloj), ŝvebu super ĝi per fingropinto aŭ muso kaj ekvidu, ke ĝi ŝanĝiĝos por aspekti 'tiel ĉi'. Per tio vi scios ke tiu vorto havas difinon en la provizita vortaro. Klaku ĝin por ekvidi ties difinon. Post legi la difinon, atentu pri la komenco-vorto de la difino, kiu aspektos kiel '**difin/o**'. Klaku tion por salti reire al la rakonto.

Se sur via aparato ligiloj ne aspektas kiel supere, tio rezultas de afero kie la niaj `CSS`-aj reguloj super-regiĝus fare de interna sistemo de via propra aparato: `Nook`, `Kobo`, `Kindle`, ktp. Do, substrekoj povas aperi *malgraŭ* niaj specifaj elektoj. Kulpigu la propran aparaton tiukaze.

Ni provis elekti mezan stilon post demandi ĉe Fejsbuko kaj alie pri diversaj personaj preferoj. Ni ja volas provizi elekton al ĉiu leganto. Bedaŭrinde, tio nuntempe ne eblas. Solvo devas atendi ĝis la plimulto el bitlibraj aparatoj subtenos la formaton `EPub 3,` kio permesos funkcion pri elekto inter stiloj pere de `JavaScript.` Sed `EPub 2,` per kio la plimulto el aparatoj ankoraŭ funkcias, ne ebligas tiajn elektojn.

Ni elektis difini nur la niaopinie maloftajn vortojn. Bonega helpo por esperantaj progresantoj, nur iometa helpo por komencantoj. Se viaopinie, plua vorto bezonas difinon, kontaktu nin, kaj ni aldonos.

Fine sciu, ke ajna leganto rajtas peti aldonon de plua defino en la vortaro. Kontaktu la eldonejon epoŝte or sugesti pri tio.

**Propraj Nomoj:** Plejparte ni lasis, ke propraj nomoj restu kiel eble plej proksimaj al la originalo. Tamen, por eviti falsajn sufiksojn '*-an*' ktp, ni opiniis tion dece, ke ni faru necesajn ŝanĝetojn.

**Angla Titolo:** La referenca originalo kiun ni tradukis devenas el volumo 17a el la 44-voluma eldono *Vance Integral Edition* (`ISBN 0-9712375-1-4`), kun la angla titolo *Ulward's Retreat*.

# Retretejo Ulvarda

*( angle, Ulward's Retreat )*

*verkita de*

# Jack Vance

*tradukita de*

**Ĝan Ŭesli Starling**
**&**
**Gerard van Wilgen**

*ilustrita de*

**William Michael Mott**

*re-eldonita je*

**2015-02-19**

# Retretejo Ulvarda

Bruham Ulvard estis invitinta tri amikojn por kune lunĉi ĉe sia ranĉo: Teĉjo kaj Ravlea Siho, kaj ilia adoleska filino Iŭĝinea. Post okulkreve luksa manĝego, Ulvard ofertis ĉirkaŭe teleron de la digesto-helpaj pasteloj per kiuj li estis gajninta sian riĉecon.

“Mirinda manĝado,” diris Teĉjo Siho respektege. “Troa, vere. Mi bezonos unu el tiuj ĉi. La algo estis absolute mirinda.”

Ulvard faris ridetantan, facilan geston. “Ĝi estas la vera aŭtentikaĵo.”

Ravlea Siho, freŝ-vizaĝa, iom pozitiva juna virino okdek- aŭ naŭdek-jara, etendis por preni pastelon. “Domaĝe, ke ne estas pli multe da tio. La sintezaĵoj kiujn ni povas akiri apenaŭ rekoneblas kiel algo.”

“Estas probleme,” Ulvard agnoskis. “Mi fondis klubon kun kelkaj amikoj; Ni aĉetis etan flosejon en la Maro de Ross kaj mem kreskigas ĉiom da niaj propraj.”

“Pensu pri tio,” krietis Ravlea. “Ĉu ne timige multpreza?”

Ulvard sulkigis la lipojn kapric-esprime. “La bonaĵoj de vivo alvenas altpreze. Feliĉe, mi kapablas spezi iom pluse.”

“Tiel same mi ripete diradas al Teĉjo—” komencis Ravlea, poste ĉesis kiam Teĉjo turnis al ŝi akre avertan esprimon.

Ulvard pontis ilian interfendon. “Mono ne estas ĉio. Mi havas flosaĵon de algo, mian ranĉon; vi havas vian filinon—kaj mi certas, ke vi ne interŝanĝus.”

Ravlea regardis al Iŭĝinea kritike. “Mi ne plene certas.”

Teĉjo frapetis al Iŭĝinea la manon. “Kiam vi rajtos havi infanon vian propran, Lamstro Ulvard?” (*Lamstro: mallongigo de Landmastro—la ĝentila formo de voknomo nuntempe uzata.*)

“Ankoraŭ ioma tempo for. Mi listiĝas post tridek sep miliardoj da aliaj.”

“Domaĝe,” diris Ravlea Siho brile, “kiam vi estus povonta doni al infano tiom multajn avantaĝojn.”

“Iun tagon, antaŭ ol mi tro maljunos.”

“Domaĝe,” diris Ravlea, “sed devas esti tiel. Se estus kvindek miliardoj plusaj, oni havus neniom ajn da privateco!” Ŝi rigardadis admire ĉirkaŭ la ĉambro, kiu utiliĝis nur por prepari manĝaĵon kaj manĝi.

Ulvard metis la manojn sur la brakojn de sia seĝo, klinis antaŭen iomete. “Eble vi ŝatus esplori la ranĉon?” Li parolis en ordinara voĉtono, ekrigardante de unu al alia.

Iŭĝinea kunfrapis siajn manojn; Ravlea brile ridetis. “Se ne estus tro penige!”

“Ho, ni ŝategus fari tion, Lamstro Ulvard!” kriis Iŭĝinea.

“Mi jam delonge deziris vidi vian ranĉon,” diris Teĉjo. “Pri ĝi mi aŭdis tiom multe.”

“Estus bona oportuno por Iŭĝinea, ia kian mi malvolas, ke ŝi maltrafu,” diris Ravlea. Ŝi skuis la fingron al Iŭĝinea. “Zorgu, Fraŭlinjo Katido, ke vi atentu ĉion tre detale—kaj ne tuŝu!”

“Ĉu permesite, ke mi fotu, Patrino?”

“Vi devas peti al Lamstro Ulvard.”

“Kompreneble, kompreneble,” diris Ulvard. “Kial ajn ne?” Li stariĝis—viro de pli ol meza alteco, pli ol meza ŝveleteco, kun senbukla sablokolora hararo, rondaj bluaj okuloj, birdo-beka nazo. Preskaŭ tricent jarojn aĝa, li gardis al si la sanon kun granda fervoro, kaj aspektis aĝi nur iomete pli ol ducent.

Li alpaŝis pordon, kontrolis la tempon, turnis regilon sur muro. “Ĉu vi pretas?”

“Jes, ni tute pretas,” diris Ravlea.

Ulvard malfermis ekglite la muron, aperiganta vidkampon kiu enrigardis naturbelan arbaran maldensejon. Bonaspekta kverko ombris lageton randitan per

kreskantaj scirpoj. Vojeto kondukis tra kampo al arbareta valo situata du kilometrojn for en la malproksimo.

“Belege,” diris Teĉjo. “Ja belege!”

Ili elpaŝis eksteren en la sunlumon. Iŭĝinea elĵetis la brakojn, giris, dancis laŭ cirklo. “Rigardu! Mi solas! Mi foras ĉi tie tute sola!”

“Iŭĝinea!” vokis Ravlea akre. “Estu zorga! Restu sur la vojeto! Tio estas aŭtentika herbo kaj gravas, ke vi ĝin ne difektu.”

Iŭĝinea forkuris plu ĝis atingi la lageton. “Patrino!” ŝi vokis responde. “Rigardu tiujn ĉi strangajn etajn saltulojn! Kaj rigardu al la floroj!”

“La bestetoj estas ranoj,” diris Ulvard. “Ili havas interesan viv-historion. Ĉu vi vidas la etajn fiŝo-similajn estulojn en la akvo?”

“Komike strangaj! Patrino, venu ja vidi!”

“Tiuj vere estas ranidoj kaj ili baldaŭ transformiĝos por fariĝi ranoj, nedistingeblaj disde la aliaj kiujn vi nun rigardas.”

Ravlea kaj Teĉjo antaŭenpaŝis kun plia digneco, sed tiom interesiĝis kiom Iŭĝinea pri la ranoj.

“Flaru la freŝan aeron,” Teĉjo sugestis al Ravlea. “Oni kredus sin retroirinta al la fruajn tempojn.”

“Estas absolute ekskvizite,” diris Ravlea. Ŝi ĉirkaŭe rigardis. “Oni havas la senton kvazaŭ povi vagadi plu kaj plu kaj plu.”

“Ĉirkaŭvenu ĉi tien,” vokis Ulvard de trans la lageto. “Jen la roka ĝardeno.”

Kun miro, la gastoj okule atentis la elstaraĵon de roko, makulita per ruĝa kaj flava liĥeno, tufa pro verda musko. Filikoj kreskis ĉe fendo; estis kelkaj delikataj aroj de blankaj floroj.

“Flaru la florojn, se vi volas,” Ulvard sugestis al Iŭĝinea. “Sed, mi petas, ilin ne tuŝu; al ili facilas postlasi makulon.”

Iŭĝinea ekflaris. “Mmmm!”

“Ĉu ili aŭtentikas?” demandis Teĉjo.

“La musko, jes. Tiu aro de filikoj kaj tiuj ĉi etaj sukulentaĵoj ĉiuj veras. La floroj estas desegnitaj por mi fare de hortikulturisto kaj estas precizaj kopioj de iu antikva specio. Pluse, ni plibonigis la odoron.”

“Mirinde, mirinde,” diris Teĉjo.

“Nun venu tien ĉi—ne, ne malantaŭen rigardu; mi volas, ke vi spertu la tutan efikon…” Esprimo ĉagrena montriĝis sur lia vizaĝo.

“Ĉu estas ia problemo?” demandis Teĉjo.

“Damne agacas, tiu sono,” diris Ulvard. “Ĉu vi aŭdas?”

Teĉjo konsciiĝis pri mallaŭta rulanta muĝo, malaltfrekvenca kaj preskaŭ ne aŭdita. “Jes. Sonas tiel, kiel iuspeca fabrikejo.”

“Ĝuste tio. Sur la etaĝo tuj suba. Fabrikejo de tapiŝoj. Unu el la teksatoroj faras terure laŭtan bruon. Mi plendadis, sed ili neniel atentas… Nu, do, ignoru ĝin. Nun staru tie ĉi—kaj ĉirkaŭ-rigardu!”

Liaj amikoj anhelis rave. La vidkampo de tiu angulo montris rustikan dometon en Alpa valo, la pordo estanta enirejo por la manĝĉambro de Ulvard.

“Kia bona iluzio de malkproksimeco!” eksklamaciis Ravlea. “Oni preskaŭ pensus sin sola.”

“Tre bela artaĵo,” diris Teĉjo. “Mi ĵurus ke mi estus rigardanta en dudekon—almenaŭ dekon da kilometroj de interspaco.”

“Mi havas multon da spaco ĉi tie,” diris Ulvard fiere. “Preskaŭ tri mil kvadratajn metrojn. Ĉu vi volas ĝin vidi per lunlumo?”

“Ho, ni tion ja petas.”

Ulvard aliris kaŝitan ŝaltilo-panelon; la suno ŝajnis rapidi trans la ĉielo. Arda

brilo sun-subira lumis la valon; la ĉielo bruliĝis pavo-kolore blue, ore, verde, krepuskiĝo sekvis—kaj la supreniranta plena luno leviĝis de malantaŭ monteto.

“Tio ĉi absolute mirigas,” diris Ravlea molvoĉe. “Kiel vi povas iam ajn devigi vin mem, ke vi ĝin lasu?”

“Estas malfacile,” konfesis Ulvard. “Sed mi devas ankaŭ kulturi la komercon. Ju pli da mono, des pli da spaco.”

Li turnis anson; la luno drivis trans la ĉielo, sinkis. Steloj aperis, formantaj la mult-epoke antikvajn aranĝojn. Ulvard montre indikis la konstelaciojn kaj la stelojn de unua-grada magnitudo laŭ propraj nomoj, uzante lum-krajonon por montri. Poste la ĉielo koloriĝis lavend-blue kaj citron-flave kaj la suno aperis fojon plu. Neviditaj aertuboj sendis venteton da malvarmeta aero tra la maldensejo.

“Ĝuste nun mi negocadas por akiri lokon malantaŭ tiu ĉi muro.” Li frapetis sur la montratan montoflankon, iluzio provizianta realecon kaj tri-dimensiecon per lamenoj internaj en la panelo. “Ĝi estas tre granda spaco—pli ol tridek kvadrataj metroj. La posedanto postulas altegan prezon, nature.”

“Surprizas min, ke li volas vendi,” diris Teĉjo. “Tridekon da kvadrataj metroj signifas pri vera izoleco.”

“Okazis morto en la familio,” eksplikis Ulvard. “La kvar-grand-avo de la posedanto forpasis kaj la spaco dumtempe ekstras.”

Teĉjo kapjesis. “Mi esperas, ke vi povos ĝin akiri.”

“Ankaŭ mi tion esperas. Mi havas iomete pave tromodajn ambiciojn—eventuale mi esperas proprieti tutan kvaron-blokon—sed tio postulas tempon. Homoj malŝatas vendi sian spacon kaj ĉiu anksie volas aĉeti.”

“Ne ni,” diris Ravlea bonhumore. “Ni havas nian etan hejmon. Ni sentas nin gemutaj kaj premete komfortaj kaj ni flankenmetas monon por investi.”

“Saĝe,” konsentis Ulvard. “Multaj homoj malriĉas pro spaco-akiro. Je oportuno por multe enspezi ilia kapitalo mankas. Ĝis kiam mi sukcesis per la digestaj pasteloj, mi tiam loĝadis en unu-persona luita ŝranko. Tio malkomforte striktis, sed hodiaŭ mi ne bedaŭras tion.”

Ili reiris tra la maldensejo al la domo Ulvarda, haltante ĉe la kverko. “Tiu ĉi estas mia aparta fieraĵo,” diris Ulvard. “Aŭtentika kverka arbo!”

“Aŭtentika?” demandis Teĉjo kun mirigita surprizo. “Mi supozis ke ĝi estas similaĵo.”

“Tre multaj tion faras,” diris Ulvard. “Ne, ĝi estas aŭtentika.”

“Fotu la arbon, Iŭĝinea, mi petas. Sed ne tuŝu ĝin. Eble vi difektus la ŝelon.”

“Tute permesiĝas, ke ŝi tuŝu la ŝelon,” trankvilige diris Ulvard. Li rigardis supren inter la branĉoj, poste serĉis la grundon. Li kliniĝis, suprenprenis falintan folion. “Tiu ĉi kreskis sur la arbo,” li diris. “Nun, Iŭĝinea, mi volas, ke vi iru kun mi.” Li iris al la ŝtona ĝardeno, flanken-tiris similaĵan ŝtonon, por montri ŝrankon kun baseneto. “Rigardu detale.” Li montris al ŝi la folion. “Ĉu vi atentas? Ĝi estas seka kaj rompiĝema kaj bruna.”

“Jes, Lamstro Ulvard.” Iŭĝinea fleksis grue la kolon.

“Unue mi mergas ĝin en tiun ĉi solvaĵon.” Li prenis bekron plenan de malhela likvaĵo de sur breto. “Nu. Tio restaŭras al ĝi la verdecon. Ni forlavu la nenecesan kvanton, kaj ĝin sekigu. Nun ni frote apliku tiun ĉi alian likvaĵon al la surfaco. Observu, ĝi nun flekseblas kaj fortikas. Unu plua solvaĵo—plasta kovraĵo—kaj jen, aŭtentika vera kverka folio, absolute aŭtentika. Jen via propra, kiel donaco.”

“Ho, Lamstro Ulvard! Mi vin dankas ja tre multe!” Ŝi kuris for por montri al la patro kaj patrino, kiuj staris apud la baseno, ĝuantaj la lukson de spaco, rigardantaj la ranojn. “Vidu tion kion Lamstro Ulvard al mi donis!”

“Vi traktu tion tre zorge,” diris Ravlea. “Kiam ni ĉeestos hejme, ni trovos bonan etan kadron per kiu vi povu ĝin pendigi en via ŝranko.”

La similaĵa suno pendis en la okcidenta ĉielo. Ulvard kondukis la grupon al sun-horloĝo. “Antikvaĵo, tiel malnova ke ĝiaj jaroj ne kalkuleblas. El pura marmoro, gravurita per manoj. Ĝi ankaŭ funkcias—ĝi tute funkcias. Observu. La tria horo kaj kvarono laŭ la ombro sur la sunhorloĝo…” Li stude rigardis sian zon-horloĝon, kunpremis la palpebrojn por rigardi la sunon. “Pardonu min dum momento.” Li kuris al regilan tabulon, faris ĝustigon. La suno ekmovis dek gradojn

laŭ la ĉielo. Ulvard revenis, kontrole rigardis la sun-horloĝon. “Jen pli bone. Notu. La tria kaj kvindek laŭ la sun-horloĝo, la tria kaj kvindek laŭ mia horloĝo. Ĉu tio ne impresas?”

“Ĝi bonegas,” diris Ravlea serioze.

“Ĝi plej belas el ĉio kion mi iam ajn vidis,” pepe diris Iŭĝinea.

Ravlea ĉirkaŭrigardis la ranĉon, suspiris sopire. “Ni malŝatas lasi ĝin, sed mi pensas, ke ni devas nun iri hejmen.”

“Estis mirinde hodiaŭ, Lamstro Ulvard,” diris Teĉjo. “Lunĉo mirindis, kaj ni ĝuis vidi vian ranĉon.”

“Vi devas reveni,” invitis Ulvard. “Mi ĉiam ĝuas gastojn.”

Li kondukis ilin en la manĝo-ĉambron, tra la vivo-dorm-ĉambro al la pordo. La familio Siho haltis por ĝui lastan rigardon al la interna vasteco, surprenis siajn mantelojn, enpaŝe surmetis siajn glit-ŝuojn, adiaŭis. Ulvard flanken-glitigis la pordon. La Siho-oj elrigardis, atendis ĝis okazis interspaco en la trafiko. Ili mangestis adiaŭe, tiris kapuĉojn por kovri la kapojn, elpaŝe eniris la koridoron.

La glit-ŝuoj pelis ilin antaŭen al ilia domo, elektis la ĝustajn turnejojn, glitante aŭtomate laŭ la ĝustaj lev- kaj mallev-planktruoj. Forpelaj energikampoj tordis al ili la vojon evite inter la homamasoj. Same kiel la familio Siho, ĉiuj portis mantelo-kapuĉojn el reflekta filma ŝtofo por gardi sian privatecon. Iluzio-paneloj montris vidaĵon de turoj etendiĝantaj supren ĝis malaperi en feliĉe blua ĉielo; estis kvazaŭ ili moviĝis laŭ unu el la ventobolvitaj supraj kondukejoj.

La Siho-oj proksimiĝis al sia hejmo. Ducent metrojn antaŭ ol atingi, ili deflankiĝis muren. Se la trafika fluado ilin preterportus, estus devige ke ili ĉirkaŭe reiri la tutan blokon kaj reprovu. Ilia pordo glitis malferme kiam ili estis proksimaj; ili ekeniris la murtruon, tien sin svingis per ekteni metalan tenil-stangon.

Ili demetis siajn mantelojn kaj glit-ŝuojn, interpaŝantaj lerte unu la aliajn. Iŭĝinea turniĝis akse por eniri la necesejon por lasi spacon sufiĉan ke Teĉjo kaj Ravlea ambaŭ povu sidi. La domo estis iom malgranda por la triopo; decas, ke ili havu kvar kvadratajn metrojn plu. Sed anstataŭ pagi netolereblan luprezon, ili

preferis ŝpari la monon antaŭvidante la futuron de Iŭĝinea.

Teĉjo suspiris kontente, etendis siajn gambojn sub la seĝon de Ravlea kun luksa sento. “Preterkonsidere je la ranĉo Ulvarda, bonas ĉeesti la hejmon propran.”

Iŭĝinea retropaŝis el la necesejo.

Ravlea alrigardis. “Jen la tempo por via pilolo, kara.”

Iŭĝinea tordis la esprimon. “Nu, panjo! Kial mi devas preni pilolojn? Mi sentas min perfekte sana.”

“Ili faras bonon al vi, kara.”

Iŭĝinea paŭte prenis pilolon el provizilo. “Runĉjo diras ke oni devigas nin preni pilolojn por haltigi la maturiĝon.”

Teĉjo kaj Ravlea interŝanĝis rigardojn.

“Nur glutu vian pilolon,” diris Ravlea, “kaj ne atentu tion kion Runĉjo diras.”

“Pro kio do mi estas 38-jara kaj Ermara Burk havas nur 32 kaj ŝi montras figuron dum mi tabule platas?”

“Ne disputu, kara. Akceptu vian pilolon.”

Teĉjo eksalte stariĝis. “Jen, bebo mia, sidiĝu.”

Iŭĝinea protestis, sed Teĉjo gestis manleve. “Mi sidos ĉe la niĉo. Kelkajn alvokojn mi devas fari.”

Li krabis preter Ravlea, sidigis sin en la niĉo antaŭ la komunikada ekrano. La iluzio-panelo malantaŭ li estis laŭmende farita—Ravlea, fakte, desegnis ĝin. Ĝi similis al feliĉa eta kaŝdometo de banditoj, la muroj ornamitaj per drapiraĵoj el ruĝa kaj flava silko, bovlo da fruktoj sur rustika tablo, gitaro sur benko, kupra tepoto boliĝanta ĉe sur-kontora fornelo. La panelo estis iom altpreza, sed ĉiufoje kiam oni komunikadis kun la Siho-oj, ĝi estis la unua vidaĵo, kaj pri tio la dom-fiera Ravela rifuzis ŝparemi.

Antaŭ ol Teĉjo povis komenci vokon, la signala lampo ekbriladis. Li respondis; la ekrano lumis por montri lian amikon Loren Ajglo, ŝajne sidanta en vasta arĥa rotondo, kun fono el ŝaf-felecaj nuboj—iluzio kiun Ravlea tuje rekonus kiel malaltprezan ordinaran efikaĵon.

Loren kaj Elme, lia edzino, anksie volis aŭskulti pri la vizito de la Siho-oj ĉe la ranĉo Ulvarda. Teĉjo priparolis la posttagmezon en plenaj detaloj. "Spaco, spaco kaj plua spaco. Absoluta privateco! Vi apenaŭ povas imagi ĝin! Multege valoras la iluzia panelaro."

"Lukse," diris Loren Ajglo. "Mi diros al vi ion kion vi apenaŭ kredos. Hodiaŭ mi registris tutan planedon al viro." Loren laboris en la Certiga Buroo de la Agentejo de Ekster-Teraj Proprietaĵoj.

Teĉjo konfuziĝis, ne komprenis. "Tutan planedon? Kiel estas?"

Loren eksplikis. "Li estas sendependa kosmonaŭto. Ankoraŭ restas kelkaj."

"Sed kion li planas fari per tuta planedo?"

"Loĝi tie, li diras."

"Sole?"

Loren kapjesis. "Mi interparolis longe kun li. Tero sufiĉe bonas, diris li, sed li preferas la privatecon de planedo tute sia propra. Ĉu vi povas imagi tion?"

"Verdire, ne! Nek povas mi imagi la kvaran dimension. Kia miraĵo, tamen!"

La konversacio finiĝis kaj la ekrana bildo fadis. Teĉjo turniĝis sidanta por alfronti sian edzinon. "Ĉu vi aŭdis tion?"

Ravlea kapjesis; ŝi estis aŭdanta sed ne atentanta. Ŝi tiam estis leganta menuon de l' manĝaĵo-servejo kontraktita de la familio. "Ni ne deziros ion pezan post tia lunĉego. Oni ofertas simulaĵan sintezan algon refoje."

Teĉjo gruntis. "Ĝi neniam tiel bonas kiel la aŭtentika sintezaĵo."

"Sed la prezo malplias kaj ni havis enorman lunĉon."

“Ne zorgu pri la mia, panjo!” kantis Iŭĝinea. “Mi eliros kun Runĉjo.”

“Nu, kion vi planas fari? Kaj diru, kien vi iros, se mi rajtas demandi?”

“Ni veturos ĉirkaŭ la mondon. Ni prenos rajdon sur la sepa-hora kosmobuso, do mi devas hasti.”

“Venu hejmen tuj poste,” diris Ravlea severe. “Ne iru ien ajn alien.”

“Pro la ĉielo, patrino! Vi ŝajne timas riskon ke mi forkurus ekedziniĝe aŭ ion similan.”

“Atentu miajn avertojn, faŭlinjo katido. Mi mem iam estis knabino. Ĉu vi prenis vian medikamenton?”

“Jes, mi prenis mian medikamenton.”

Iŭĝinea foriris; Teĉjo glitis ree en la niĉon. “Kiun vi vokas nun?” demandis Ravlea.

“Lamstro Ulvard. Mi volas danki lin pro tiom strebe nin gastigi.”

Ravlea konsentis ke estus ne pli ol ĝentile fari vokon algo-kaj-margarinan.

Teĉjo vokis, esprimis siajn dankojn, sekve—preskaŭ kiel pretera penso—riskis mencii la viron kiu posedis planedon.

“Tutan planedon?” pridemandis Ulvard. “Ĝi devas esti popolhava.”

“Ne, laŭ mia kompreno, ne, Lamstro Ulvard. Imagu tion! Imagu la privatecon!”

“Privatecon!” eksklamaciis Ulvard konteste. “Kara kunulo mia, kiel oni la mian?”

“Ho, kompreneble, Lamstro Ulvard—vi vere havas montrindan domon.”

“Devas esti ke la planedo tre primitivas,” Ulvard supozis. “Pripensinda ideo, kompreneble—se oni ŝatus ion tian. Kiu estas tiu viro?”

“Mi ne scias, Lamstro Ulvard. Mi povas eltrovi, se vi deziras.”

“Ne, ne strebu. Mi ne aparte interesiĝas. Okazis nur senutila penso.” Ulvard ridis sian plenan ridon. “Kompatinda viro. Probablas ke li loĝas en ŝirm-kupolo.”

“Eblas esti tiel, kompreneble, Lamstro Ulvard. Nu, mi vin dankas refoje. Bonan nokton.”



La kosmonaŭto nomiĝis Kenes Mejl. Li estis malalta kaj maldika, dura kiel sinteza haringaĵo, kun haŭto tiom bruna kiom rostita gisto. Li havis tre mallongan grizan hararon tian kia kap-kuseneto, bluokulan rigard-esprimon akre perceptan kaj samtempe malkaŝeman. Li montris ĝentilan intereson al la ranĉo de Ulvard, sed Ulvard trovis lian oftan uzadon de la vorto ‘ruze’ iom neĝentila.

Dum ili reiris al la domo, Ulvard paŭzis por admiri sian kverk-arbon.

“Ĝi absolute aŭtentikas, Lamstro Mejl! Vivanta arbo, travivaĵo el pasintaj tempoj, Ĉu vi havas arbojn tiom bonegajn sur via planedo?”

Kenes Mejl ridetis. “Lamstro Ulvard, tio estas nura arbusto. Ni sidiĝu ie kaj mi montros al vi fotografaĵojn.”

Ulvard estis jam menciinta sian intereson pri akiri bienon eksterteran; Mejl, agnoskante ke li bezonis monon, lasis esti komprenata ke ia interkonsento povis aranĝiĝi. Ili sidiĝis ĉe tablo; Mejl malfermis sian valizon. Ulvard ŝaltis la mur-ekranon.

“Unue mi montros al vi mapon,” diris Mejl. Li elektis stangeton, lasis ĝin fali en tablan ingon. Sur la muro aperis bildo de mondo: oceanoj; enorma ekvatora kontinento nomata Gaeo; la malpli grandaj subkontinentoj Atlanto, Persefono, Alcinoo. Ortangulo de priskribaj informoj legiĝis:

**Planedo Mejla**

Akiro registrita kaj aprobita de la

Agentejo de Ekster-Tera Proprieteco

| | |
|---|---|
| Surfaca areo: | .87 Tera normalo |
| Gravito: | .93 Tera normalo |
| Diurna periodo: | 22.15 Teraj horoj |
| Orbita periodo: | 2.97 Teraj jaroj |
| Atmosfero: | Viviga |
| Klimato: | Salubra |
| Malsanigaj influoj aŭ cirkonstancoj: | Neniaj |
| Populacio: | 1 |

Mejl indikis pri loko sur la orienta marbordo de Gaeo. “Mi loĝas ĉi tie, en nur kruda kamploĝejo por la nuna tempo. Mi bezonas monon por plibonigi aferojn. Mi ne malvolus forluigi unu el la malgrandaj kontinentoj, aŭ, se vi preferas, sekcion de Gaeo, eble ekde la Montoj Malhelaj okcidenten ĝis la oceano.”

Ulvard, kun feliĉa rideto, kapgestis nee. “Por mi sufiĉus neniu ajn nura sekcio, Lamstro Mejl. Mi volas aĉeti la mondon entute. Vi nomu ajnan prezon; se estas ne troa, mi skribos al vi ĉekon.”

Mejl ekgridardis lin flanke. “Vi ankoraŭ ne eĉ vidis la fotografaĵojn.”

“Prave.” En voĉo komercista, Ulvard diris, “Jes certe, montru la fotografaĵojn.”

Mejl tuŝis prembutonon bildo-montrigan. Pejzaĝoj el malfamiliara sovaĝa beleco aperis sur la ekrano. Estis montaj krutaĵoj kaj muĝantaj riveroj, neĝo-kovritaj arbaroj, oceanaj sunleviĝoj kaj ebenejaj sunsubiroj, verdaj montetoj, herbejoj surŝprucitaj de floroj, strandoj blankaj kia lakto.

“Tre agrable,” diris Ulvard. “Tre bone.” Li elprenis sian ĉekolibreton. “Kioma prezo?”

Mejl ridis milde kaj kapneis. “Mi rifuzas vendi. Mi ne malvolas forlui sekcion —kondiĉe ke mia prezo pagiĝu kaj ke miaj reguloj akceptiĝu.”

Ulvard sidis kun la lipoj kunpremitaj. Li gestis per eta eka kapneo. Mejl komencis stariĝi.

“Ne, ne,” diris Ulvard haste. “Mi nur estis pensanta… Ni rigardu tiun mapon refoje.”

Mejl remontris la mapon surekrane. Ulvard faris detalan inspekton pri la diversaj kontinentoj, demandis pri geografio, klimato, herboj kaj bestoj.

Fine li elektis decide. “Mi luos Gaeon.”

“Ne, Lamstro Ulvard!” deklaris Mejl. “Mi rezervas tiun ĉi tutan areon—ĉio situanta oriente de la Montoj Malhelaj kaj la Rivero Kaliopeo. Tiu ĉi okcidenta sekcio haveblas. Ĝi eble malpligrandas ol Atlanto aŭ Persefono, sed la klimato pli varmetas.”

“Mankas montoj sur la okcidenta sekcio,” Ulvard protestis. “Nur tiuj ĉi malnotindaj Roko-Kastelaj Krutaĵoj.”

“Ili ne tiom malnotindas,” diris Mejl. “Vi ankaŭ havos la Viola-Birdaj Montetoj, kaj sude, ĉi tie estas Monto Kairasco—vulkano ativa. Kion plia vi povus bezoni?”

Ulvard rigardis inspekte sian ranĉon. “Mi emas pensadi grandmaniere.”

“Okcidenta Gaeo estas iom granda pecego da proprietaĵa lando.”

“Nu sufiĉe,” diris Ulvard. “Kiuj estas viaj kondiĉoj?”

“Rilate pri monaj aferoj, mi ne avaras,” Mejl diris. “Kontraŭ ducent-jara luo: ducent mil jare, la unua kvin-jara sumo antaŭpagenda.”

Ulvard protestis eksurprizita. “Ho grande, Lamstro Mejl! Tio valoras preskaŭ duonon da mia enspezo!”

Mejl ŝultrolevis. “Mi ne provas riĉiĝi. Mi nur volas konstrui biendomon propran. Tio kostas monon. Se vi ne povas subteni ĝin, mi devas alparoli iun kiu povas.”

Ulvard diris per agacita voĉo, “Mi povas subteni ĝin, certe—sed mia tuta ranĉo tie ĉi prezis je malpli ol miliono.”

“Nu, ĝin vi aŭ deziras aŭ ne deziras,” diris Mejl. “Mi vin informu pri miaj reguloj, poste vi povos ordigi la dezirojn proprajn.”

“Kiajn regulojn?” demandis Ulvard insiste, lia vizaĝo ruĝiĝanta.

“Ili simplas kaj ilia sola celo estas bonteni privatecon por ni ambaŭ. Unue, devigas ke vi restu ĉe la lando via propra. Malpermesitaj estas ajnaj ekskursoj tien kaj reen sur mia propraĵo. Due, estas malpermesite vicluigi. Trie, neniuj loĝantoj krom vi mem, via familio kaj viaj servistoj. Mi maldeziras ke ekfondiĝu ajnaj artistaj kolonioj, nek okazu malorda laŭta festa etoso. Nature vi rajtas elporti gastojn, sed ili devas limigi sin resti ĉe via lando same kiel vi mem.”

Li rigardis flanke la malĝojetan vizaĝon de Ulvard. “Mi ne celas troan striktecon, Lamstro Ulvard. Bonaj bariloj kreas bonon inter najbaroj, kaj estus pli bone ke ni interkompreniĝu nun ol poste estu necesaj vortoj malĝentilaj kaj eksluigo instigita per lum-pafilo.”

“Lasu min vidi la fotografaĵojn refoje,” diris Ulvard. “Montru al mi okcidentan Gaeon.”

Li rigardis, profunde suspiris. “Nu sufiĉe. Mi konsentas.”



La konstruistaro estis foririnta. Ulvard estis sola sur okcidenta Gaeo. Li marŝis ĉirkaŭ la nova biendomo, prenante profundajn enspirojn de pura kvieta aero, eksciiĝanta pro la absoluta izoleco kaj privateco. La biendomo kostis tre kare, sed kiom da aliaj homoj ĉe Tero posedis—nur luis, fakte—ion ajn kompareblan je tio ĉi?

Li elmarŝis sur la terason antaŭan, rigardis fiere trans kilometroj—aŭtentikaj nesimilizitaj kilometroj—da pejzaĝo. Por sia hejmloko, li estis elektinta plataĵon en la montpiedojn de la Montaro Ulvarda (ĉar tiel li renomis la Viola-Birdajn Montetojn). Ĉe la antaŭo etendiĝis ora prerio surŝprucita de blu-verdaj arboj; malantaŭe leviĝis alta griza klifo.

Rivereto rapidis malsupren laŭ fendo en la roko, saltanta, ŝprucanta, malvarmetiganta la aeron, finfine fluanta en belan klaran basenon apud kio Ulvard estis konstruinta kabaneton el ruĝa, verda kaj bruna plastoj. Ĉe la klifaj bazo kaj fendoj kreskis aroj da spikaj bluaj kaktoj, lukse vivecaj verdaj arbustoj kovritaj de ruĝaj trumpeto-floroj, kaj dik-folia blanka planto tenanta stangon dise kovrita de aretoj de blankaj vezikoj.

Soleco! Vera soleco! Sen martelado fabrikeja, sen muĝo de trafiko sesdek centimetrojn proksima al propra lito. Kun unu brako etendita, la alia premanta la bruston, Ulvard dancis majestan ĵigon de triumfo sur la teraso. Se li kapablus, li eble rad-ruliĝus. Kiam ulo havas plenan privatecon, absolute nenio malpermesiĝas!

Ulvard faris finan ĉirkaŭiron tien kaj reen laŭ la teraso, faris finan aprezan rigardon al la horizonto. La suno malsupreniradis tra aroj de fajro-randaj nuboj. Tie estis mirinda profundo de koloro, tinta brileco kion egalis nur la plej altkvalitaj iluzio-paneloj!

Li eniris la biendomon, elektis ion el la nutraĵo-ŝranko. Post nerapida manĝo, li reiris al la vivoĉambro. Li staris pensante dum momento, poste eliris sur la terason, paŝadis tien kaj reen. Bonege! La nokto estis plena de steloj, pendantaj kun aspekto de nefokusaj blankaj lampoj, preskaŭ tiel kiel li ĉiam ilin imagis.

Post dek minutoj de stel-admirado, li reiris en la biendomon. Kion fari nun? Li decidis spekti la mur-ekranon, kun ĝia diverseco de registritaj teatraĵoj. Komforte sidanta, Ulvard spektis prezentaĵon de freŝdata muzika komedio.

Vera lukso, li diris al si. Domaĝe, ke li ne povis inviti siajn amikojn ĉi tien por pasigi la vesperon. Malfortune ne eblis, konsiderante la malkonvenan tempo-daŭron de vojaĝo inter la planedo Mejla kaj Tero. Tamen—nur tri tagoj atendendas ĝis la alveno de lia unua gasto. Ŝi estis Elf Intri, virino kiu estis pli ol amika al Ulvard ĉe Tero. Je la alveno de Elf, Ulvard estos propronanta ideon kiun li estis

pripensanta dum kelkaj monatoj—ja ekde tiam kiam li unue eksciis pri la planedo Mejla.



Elf Intri alvenis frue en la posttagmezo, malsupreniranta al planedo Mejla en kapsulo deŝarĝita de la semajna kurierŝipo de firmao Foraj Ringoj. Virino de normale bona dispozicio, ŝi renkontis Ulvardon en emocia stato bole indigna. “Kiu precize estas tiu bestulo loĝanta je la fora flanko de la planedo? Mi kredis, ke vi estus havanta plenan privatecon ĉi tie!”

“Tiu estas nur Mejl, neniu grava,” diris Ulvard evite. “Kio malĝustas?”

“La stultulo sur la kurierŝipo regis malĝuste la koordinatojn kaj la kapsulo surplanediĝis ĉe strando. Mi atentiĝis, ke estis domo kaj poste vidis nudan viron ŝnuro-saltantan malantaŭ eta arbustaro. Mi aliris tien kaj diris ‘Bu!’ Kiajn blasfemojn li parolis!” Ŝi neis per kapo. “Mi ne komprenas tion, kial vi permesas tian tedulon resti sur via planedo.”

La zumilo de la komunikada ekrano sonis. “Jen Mejl nun,” diris Ulvard. “Vi atendu tie ĉe. Mi instruos al li pri kiel alparoli miajn gastojn!”

Post nelonge li revenis al la teraso. Elf alproksimiĝis lin, kisis al li la nazon. “Ulĉjo, vi palas pro koleregо! Mi esperas ke vi ne perdis vian toleremon.”

“Ne,” diris Ulvard. “Ni nur—nu, ni havis interkonsenton. Sekvu min, ni ĉirkaŭrigardos la bienon.”

Li kondukis Elf-on ĉirkaŭdome al la malantaŭo, montrante la naĝ-basenon, la akvofalon, la amason de roko supere. “Vi ne povas vidi tian efikon sur ajna iluzio-panelo! Tio estas aŭtentika roko!”

“Bele, Ulĉjo. Tre bone. La koloro eble povus esti iomete pli malhela, tamen. Roko ne aspektas tiel.”

“Ne?” Ulvard inspektis la klifon pli kritike. “Nu, tion ĝustigi neniel mi povas. Kion, do, pri la privateco?”

“Bonege! Estas tiel kviete, preskaŭ malnature!”

“Malnature?” Ulvard ĉirkaŭrigardis la pejzaĝon. “Tion mi ne rimarkis.”

“Vi ne estas sensitiva je tiaj ĉi aĵoj, Ulĉjo. Tamen, ĝi ankoraŭ agrablas, se oni povas toleri, ke tiu malagrabla estulo Mejl tiom proksimas.”

“Proksimas?” protestis Ulvard. “Li situas ĉe la plej fora flanko de la kontinento!”

“Prave,” diris Elf. “Ĉio estas relativa, mi supozas. Kiom longe vi planas resti en ĉi fora loko?”

“Tio dependas. Kunvenu internen. Mi volas paroli kun vi.”

Li sidigis ŝin en komforta seĝo, portis al ŝi globeton de Gluko-Frukoida Nektaro. Por li mem, li miksis alkoholon, akvon, kelkajn gutojn de Antikvaj Esteroj de Hejgo.

“Elf, kie situas vi en la listo reprodukto-rajta?”

Ŝi levis siajn fajnajn brovojn, neis kape. “Tiom profunde sube, ke mi perdis la kalkulon. Sube de kvindek aŭ sesdek miliardoj.”

“Mi subas je tridek sep miliardoj. Jen la kialo pro kiu mi aĉetis tiun ĉi lokon. Atenda listo, pfui! Neniu haltigas la bredadon de Bruham Ulvard sur planedo lia propra!”

Elf kunpremis la lipojn, kapneis moroze. “Tio ne sukcesos, Ulĉjo.”

“Kaj kial ne?”

“Vi malrajtos porti la infanojn reen al Tero. La listo pelos, ke ili devige resti for.”

“Prave, sed pensu pri vivado ĉi tie, ĉirkaŭita de infanoj. Tiom multe da infanoj kiom vi iam ajn povis deziri. Kaj tutan privatecon pluse! Kion plusan povus vi peti?”

Elf suspiris. “Vi fabrikas belan iluzian panelon, Ulĉjo. Sed mi pensas nee. Mi ŝategas la privatecon kaj izolecon—sed mi atendis trovi, ke estus pli da homoj inter

kiuj mi povu senti privatecon.”



La paketŝipo de kurierservo Foraj Ringoj revenis proksime kvar tagojn poste. Elf kisis Ulvardon adiaŭe. “Estas simple luksege ĉi tie, Ulĉjo. La soleco estas tiom superba, ke ĝi min anser-haŭtigas. Mi ĝuis bonegan viziton.” Ŝi grimpis en la kapsulon. “Ĝis iama revido ĉe Tero.”

“Atendu momenton,” diris Ulvard subite. “Mi volas ke vi enpoŝtigu unu/du leterojn por mi.”

“Hastu. Mi havas nur dudek minutojn.”

Ulvard revenis post dek minutoj. “Invitojn,” li diris al ŝi spiregante. “Amikoj.”

“Ĝuste.” Ŝi kisis lian nazon. “Adiaŭ, Ulĉjo.” Ŝi frape fermis la kluz-pordon; la kapsulo rapidis for, leviĝanta kirle por atingi la kurier-ŝipon.

La novaj gastoj alvenis tri semajnojn poste: Frobiŝer Vorbek, Liorneta Stobart, Hariso kaj Hajla Cabe, Teĉjo kaj Ravlea kaj Iŭĝinea Siho, Juvenal Akvister kaj lia filo Runĉjo.

Ulvard, brun-haŭta pro longaj tagoj da ripozado en la suno, renkontis ilin kun granda entuziasmo. “Bonvenon al mia eta retretejo! Estas bonege vidi vin ĉiujn! Frobiŝer, vi ros-vanga fripono! Kaj Iŭĝinea! Ankoraŭ eĉ pli bela! Estu zorga, Ravlea—mi rigardas ŝin favore! Sed Runĉjo ĉeestas, do sopiroj miaj vanas! Liorneta, mi aparte ĝojas ke vi povis veni! Kaj Teĉjo! Bonegas vin vidi, longatempa favulo! Komprenu, ke ĉio ĉi rezultis pro vi! Hariso, Hajla, Juvenal—venu, venu! Ni havu drinkon, drinkon, drinkon!”

Kurante de unu al alia, frapetante brakojn, irigante la malrapide movantan Frobiŝer-on Vorbek-on, li kondukis siajn gastojn supren laŭ la deklivo al la teraso. Tie ili turniĝis por spekti la panoramon. Ulvard aŭskultis iliajn rimarkojn, lipoj kunpremitaj kontraŭ rideto memgratula.

“Mirende!”

“Bonege!”

“Absolute aŭtentika!”

“La ĉielo tro foras, ĝi timigas min!”

“La sunlumo tiel puras!”

“La aŭtentikaĵo ĉiam plej bonas, ĉu ne?”

Runĉjo diris iom sopire, “Mi kredis ke vi situis ĉe strando, Lamstro Ulvard.”

“Strando? Tiu ĉi regiono estas mont-pejzaĝa, Runĉjo. Ĝi estas lando de largaj malfermaj spacoj. Rigardu trans tiu ebenejo!”

Liorneta Stobart frapetis al Runĉjo la ŝultron. “Ne ĉiu planedo havas strandojn, Runĉjo. La sekreto de feliĉo estas resti kontenta pri tio kion oni havas.”

Ulvard ridis gaje. “Ho, mi havas strandojn, ne timu pri tio! Troviĝas bonega strando—he, he—okcent kilometrojn okcidente. Ĉiun paŝon kion vi farus tiudirekte estus sur la bieno Ulvarda!”

“Ĉu vi permesas nin iri?” demandis Iŭĝinea ekscitite. “Ĉu ni rajtas, Lamstro Ulvard?”

“Certe ni rajtas! Tiu budo situanta sube de la deklivo estas por la Flugkompanio Ulvarda. Ni flugos al la strando, naĝos en la Oceano Ulvarda! Sed ĉimomente, trinkaĵojn! Post toleri la kunpremon de tiu kapsulo, viaj gorĝoj devas seki kiel papero!!”

“Ne estis troe kunprema,” diris Ravlea Siho. “Ene de tio estis nur naŭo da ni.” Ŝi rigardis kritike supren al la klifo. “Se tio estus iluzio-panelo, mi konsiderus ĝin groteska.”

“Mia kara Ravlea!” kriis Ulvard. “Ĝi estas impresa! Grandioza!”

“Ĝuste tiel,” konsentis Frobiŝer Vorbek, alta dura viro, blank-harara, ruĝ-vanga, kun blua benema rigardo. “Kaj nun, Bruham, ĉu ni ĝuu tiujn drinkaĵojn?”

“Kompreneble! Teĉjo, vin mi konis ja longe. Ĉu vi mastrumu la drinkejan kontoron? Jen la alkoholo, jen estas akvo, tie ĉi troviĝas la esteroj. Nu, vi du

gejunuloj," Ulvard vokis al Runĉjo kaj Iŭĝinea. "Ĉu vi deziras bone malvarman, senalkoholan trinkaĵon?"

"Kiaj specoj haveblas?" demandis Runĉjo.

"Ĉiaj tipoj, ĉiuj gustoj. Jen la Retretejo Ulvarda! Ĉe ni haveblas metilamilglutamino*, cikloprodakterolfosfato, metatiobromino-4-glicocitrozo…"

Runĉjo kaj Iŭĝinea eldiris la preferitaĵojn; Ulvard elprenis la globetojn, poste hastis aranĝi tablojn kaj seĝojn por la plen-kreskuloj. Post nelonge ĉiuj komfortis malstreĉe.

Iŭĝinea flustris al Ravlea, kiu ridetis kaj kapjesis indulge. "Lamstro Ulvard, ĉu vi rememoras la belan kverko-folion kiun vi donis al Iŭĝinea?"

"Kompreneble mi rememoras."

"Ĝi ankoraŭ tiel freŝas kaj verdas kiel antaŭe. Mi volas demandi, ĉu Iŭĝinea rajtas preni unu/du foliojn de kelkaj el ĉi tiuj aliaj arboj?"

"Mia kara Ravlea!" Ulvard muĝe ridegis. "Ŝi rajtas havi tutan arbon!"

"Ho patrino! Ĉu—"

"Iŭĝinea, ne estu absurde!" ekis Teĉjo. "Kiel ni portu ĝin hejmen? Kie ni metu la grandegaĵon? Ĉu en la necesejo?"

Ravlea diris, "Vi kaj Runĉjo trovu kelkajn bonajn foliojn, sed ne vagu tro malproksimen."

"Ne, patrino." Ŝi gestis invite al Runĉjo. "Venu kune, stultulo. Alportu korbon."

Ĉiuj aliaj el la grupo rigardadis transen al la ebenejo. "Bela vidkampo, Ulvard," diris Frobiŝer Vorbek. "Kiom fore etendiĝas via bieno?"

"Okcent kilometrojn okcidente ĝis la oceano, mil kilometrojn oriente ĝis la montoj, mil sepcent kilometrojn norde kaj kvarcent kilometrojn sude."

Vorbek neis per kapgesto solemne. “Sufiĉe bona. Domaĝe ke vi ne povis akiri la tutan planedon. Tiel vi povus havi veran privatecon!”

“Mi provis, kompreneble,” diris Ulvard. “La proprietulo rifuzis konsideri la ideon.”

“Kia domaĝo.”

Ulvard elprenis mapon. “Tamen, kiel vi vidas, mi havas bonegan vulkanon, kelkon da bonegaj riveroj, montaron, kaj jen sube ĉe la delto de la Rivero Cinamo troviĝas absolute miasma marĉo.”

Ravlea indikis surmape la oceanon. “Nu, ĝi nomiĝas Oceano Soleca! Mi kredis ke ĝia nomo estis Oceano Ulvarda.”

Ulvard ridis malkomforte. “Nur estas parola figuro—alidiraĵo. Miaj rajtoj etendiĝas for de strando ĝis dudek kilometroj. Pli ol sufiĉe por naĝi.”

“Al vi la maroj ne estas liberaj, ho, Lamstro Ulvard?” ridis Hariso Cabe.

“Ne precize,” konfesis Ulvard.

“Domaĝe,” diris Frobiŝer Vorbek.

Hajla Cabe indikis lokon sur la mapo. “Rigardu tiun ĉi bonegajn montarojn! La Majestaj Montoj! Kaj transe tien ĉi—la Ĝardenoj Elisiaj! Mi ŝategus vidi ilin, Lamstro Ulvard.”

Ulvard kapneis embarasita. “Neeblas, domaĝe. Ili ne situas en mia bieno. Eĉ mi mem ne ilin vidis.”

Liaj gastoj alrigardis lin ŝokitaj. “Sed certe—”

“Mia kontrakto kun Lamstro Mejl tiel firmas kiel io atome veldita,” Ulvard eksplikis. “Li devige restu ĉe sia bieno, mi devige restu ĉe mia. Ĉimaniere, niaj privatecoj ambaŭ sekuras.”

“Atentu,” Hajla Cabe diris flanke al Ravlea. “La Neimageblaj Kavernoj! Ĉu ne al vi sovaĝe agacas la malkapabo vidi ilin?”

Akvister diris haste, “Estas plezure sidi ĉi tie kaj nur spiri tiun ĉi mirigan freŝan aeron. Estas nek bruo, nek homamasoj, nek okupego aŭ hasteco…”

La festuloj drinkis kaj babilis kaj baskis en la sunlumo ĝis malfrua posttagmezo. Petante al Ravlea Siho kaj Hajla Cabe ke ili helpu, Ulvard ordigis simplan manĝaĵaron el gisto-buletoj, sinteze traktata proteino, dikaj tranĉaĵo de krispa algo.

“Nek besta viando, nek kuiritaj vegetaĵoj?” demandis Vorbek scivole.

“Mi prov-gustis ambaŭ la unuan tagon,” diris Ulvard. “Naŭzige. Tutan semajnon mi poste malsanis.”

Post vespermanĝi, la gastoj spektis komikan melodramon sur mur-ekrano. Post tio Ulvard kondukis ilin al iliaj apartaj kub-ĉambretoj. Kaj post kelkaj minutoj da ŝerca babilado kaj intervokado, la biendomo kvietiĝis.



La postan tagon, Ulvard ordonis, ke siaj gastoj surmetu naĝvestojn. “Ni iros al la strando, ni petolos kaj kapriolos en la onda ŝaŭmo de la Oceano Soleca Ulvardo!”

La gastoj feliĉe ensaltis la flugĉaron. Ulvard kalkulis kapojn. “Ĉiuj ĉeestas! Ni iru!”

Ili leviĝis, flugis okcidenten, je la komenco malalte trans la ebenejo, poste altiĝanta en la ĉielo, por havi panoraman vidkampon de la Roko-Kastelaj Mont-krutaĵoj.

“La plej alta supro—jen norde—altas je preskaŭ trimil metroj. Vidu pri kiel ĝi suprenŝutas, imagu pri kiom multe ĝi amasas! Solida roko! Nu, Runĉjo, ĉu vi ŝatus ke tio surfalu piedfingron vian? Iom malbone, ĉu? Post momento, ni vidos klifon kiu altas je tricent metroj rekte vertikale Nu—jen! Ĉu ne rimarkinde?”

“Ja imprese,” konsentis Teĉjo.

“Sed kiom pliaj devas esti tiuj Majestaj Montoj!” diris Hariso Cabe kun seka rido.

“Kiom altas tiuj aliaj, Lamstro Ulvard?” scivolis Liorneta Stobart.

“Kio? Kiuj?”

“La Majestaj Montoj.”

“Mi ne precize certas. Je naŭ mil aŭ dekdu mil metroj, mi supozas.”

“Kia mirinda vidaĵo ili devas esti!” diris Frobiŝer Vorbek. “Apud ili, tiuj ĉi probable aspektus kiel nuraj piedmontetoj.”

“Ĉi tiuj ankaŭ belas,” Hajla Cabe injekte diris kun hasto.

“Ho, nature,” diris Frobiŝer Vorbek. “Ja bonega vidaĵo! Vi estas bonŝanca viro, Bruham!”

Post momento Ulvard ridis, stiris la flugĉaron okcidenten. Ili flugis trans onde ebena arbaro kaj post nelonge la Oceano Soleca brilis de malproksime. Ulvard stiris malsupren, grundigis la flugĉaron sur strando, kaj la gastaro elsaltis.

La tago varmetis, la suno varmis. Freŝa vento bloviĝis de la oceano. La surfo rompiĝis sur la sablon kun muĝantaj ŝpruc-nuboj.

La gastaro staradis apreze rigardante la scenon. Ulvard montre svingis la brakojn. “Nu, kiu unuos? Ne atendu inviton! La tuta oceano apartenas al ni mem!”

Ravlea diris, “Ĝi tiom fortas! Vidu tion, kiel martele la akvo fal-frapas!”

Liorneta Stobart turniĝis for kun kapnea gesto. “Iluzio-panela surfo ĉiam ŝajnas tre milda. Tiu ĉi povus onin preni supren kaj trudi skuegon!”

“Mi ne atendis ion ajn tiom perfortan,” Hariso Cabe agnoskis.

Ravlea vokis a Iŭĝinea. “Vi restu sekure for, Fraŭlinjo Katido. Mi malvolas ke vi fortiriĝu en la maron. Vi trovus, ke ĝi estas ja Oceano Soleca!”

Runĉjo alproksimiĝis al la akvo, vadis timete en retroirantan ebenaĵon el ŝaŭmo. Ŝaŭm-supra ondego peze surfalis cele al li kaj li dancis haste retroen por reatingi la strandon.

“La akvo malvarmas,” li informis.

Ulvard pozis sin. “Nu, mi provos! Mi montros al vi pri kiel fari!” Li saltkuris antaŭen, haltis tuj antaŭe, poste sin ĵetis en la alvenantan facon de granda blanka ŝaumsupra-ondego.

La gastaro sur la strando rigardis observe.

“Kie li estas?” demandis Hajla Cabe.

Iŭĝinea fingre indikis. “Mi vidis parton de li iom malproksime, tie. Kruron, aŭ brakon.”

“Jen li estas!” kriis Teĉjo. “Huf! Ankoraŭ plua lin kaptis. Mi supozas ke oni konsiderus tion sporta…”

Ulvard ŝancele stariĝis, fal-iradis tra la retretanta ŝaŭmaĵo al la strando. “Ha! Bonege! Vivige! Teĉjo! Hariso! Juvenal! Iru provi!”

Hariso gestis nee per kapo. “Mi ne pensas, ke mi faru hodiaŭ, Bruham.”

“Ankaŭ mi eble provos je posta fojo,” diris Juvenal Akvister. “Eble tiam, ne estos tiom perforte.”

“Sed ne lasu ke nia deteno haltigu vin!” persvadis Teĉjo. “Vi naĝadu tiom longe kiom vi volas. Ni atendos vin ĉi tie.”

“Ho, mi ĝuis sufiĉe por la nuntempo,” diris Ulvard. “Pardonu dum mi ŝanĝos la vestojn.”

Kiam Ulvard revenis, li trovis la gastojn jam sidantaj en la flugĉaro. “Surprize! Ĉiuj volas jam hejmeniri?”

“Estas varme en la suno,” eksplikis Liorneta, “kaj ni pensis, ke ni ĝuus la pejzaĝon pli multe ĉe ĉi interno.”

“Elrigardanta tra vitro, preskaŭ similas esti vidanta iluzian panelon,” diris Iŭĝinea.

“Hm, mi komprenas. Nu, eble vi pretas viziti aliajn partojn de la Bienego Ulvarda?”

La propono aprobiĝis; Ulvard ekŝoforis la flugĉaron ĉielen. “Ni povas flugi norden super la pin-arbaroj, suden super Monto Kajrasko, kiu malbonŝance ne erupcias ĉi momente.”

“Kien ajn vi volas, Lamstro Ulvard,” diris Frobiŝer Vorbek. “Sendube ĉio belas.”

Ulvard konsideris la diversajn logaĵojn de sia luaĵo. “Nu, unue al la Cinama Marĉo.”

Du horojn ili flugis, super la marĉo, trans la fumanta kratero de Monto Kajrasko, orienten al la komencejo de la Malhelaj Montoj, laŭ la Rivero Kaliopo ĝis ĝia fonto ĉe Ore-Folia Lago. Ulvard montris notindajn vidaĵojn, interesajn aspektojn. Malantaŭ li, la murmuroj de admiro malpliiĝadis kaj fine ĉesis.

“Ĉu sufiĉe?” Ulvard vokis maŭantaŭen gaje. “Ne eblas vidi duonon de kontinento en unu tago! Ĉu ni konservu iom por morgaŭ?”

Estis silente dum momento. Poste Liorneta Stobart diris, “Lamstro Ulvard, ni ja mortas pro scivolo ekvidi la Majestajn Montojn. Mi scivolas—ĉu vi ne supozas, ke ni povus ekiri por rapida videto? Mi certas ke Lamstro Mejl ne vere agaciĝus.”

Ulvard kapgestis nee kun rideto iom strikta. “Li devigis ke mi konsentu al regularo tre definitiva. Mi jam unufoje spertis disputon kun li.”

“Kiel ajn li povus eltrovi?” demandis Juvenal Akvister.

“Probable li ne eltrovus,” diris Ulvard, “tamen—”

“Damne domaĝas, ke vin li elŝlosas en tiu ĉi seninteresa eta duoninsulo!” Frobiŝer Vorbek diris indigne.

“Bonvolu, Lamstro Ulvard,” Iŭĝinea persvad-voĉe sub-petis.

“Ho, se mi devas,” Ulvard diris sengarde.

Li stiris la flugĉaron orienten. La Malhelaj Montoj pasis sube. La gastaro rigardegis el la fenestroj, eksklamantaj pri la mirigaĵoj de malpermesita pejzaĝo.

"Kiom malproksimaj estas la Majestaj Montoj?" demandis Teĉjo.

"Ne multe. Mil sescent kilometrojn plu."

"Kial vi flugas preskaŭ surgrunde?" demandis Frobiŝer Vorbek. "Supren en la ĉielo! Ni vidu la pejzaĝon!"

Ulvard hezitis. Probable Mejl dormis. Kaj, laŭ plena analizo, li vere ne rajtis malpermesi senpekan etan—

"Lamstro Ulvard," vokis Runĉjo, "iu flugĉaro tuj malantaŭas nin."

La flugĉaro proksimiĝis je flanko. La bluaj okuloj de Mejl renkontis tiujn de Ulvard trans la interspaco. Li gestis ke Ulvard surgrundiĝu.

Ulvard kunpremis la lipojn, stiris la flugĉaron malsupren. De malantaŭe aŭdiĝis murmurojn de kompato kaj ofendiĝo.

Sube estis malhela pin-arbaro; Ulvard surgrundiĝis en bela eta maldensejo. Mejl samfaris apude, elsaltis por stari, signalis al Ulvard. La du viroj forpaŝadis je unu flanko. La gastoj murmuris kune kaj neadis per kapoj.

Ulvard postnelonge revenis al la flugĉaro. "Ĉiuj bonvolu reeniri," li diris krispe.

Ili leviĝis en la ĉielon kaj flugis okcidenten. "Por kion diri venis tiu ulo?" demandis Vorbek.

Ulvard mordetis la lipojn. "Ne tre multe. Li volis informiĝi pri tio, ĉu mi perdis la vojon. Mi diris al li pri unu/du aferoj. Ni atingis interkonsenton…" Lia voĉo malfortiĝis, poste relaŭtiĝis en subita bonhumoro. "Ni havu feston hejme ĉe la biendomo. Pro kio ni koncerniĝu pri Mejl kaj liaj aĉaj montegoj?"

"Jen la plej ĝusta sinteno, Bruham!" kriis Frobiŝer Vorbek.



Ambaŭ Teĉjo kaj Ulvard kune mastrumis la drinko-kontoron dum la vespero. Aŭ unu aŭ la alia enmiksis iom pli da alkoholo kaj iom malpli da esteroj en la drinkojn ol rekomendiĝs laŭ kutima praktiko. Rezulte, la festo fariĝis pli ol iom laŭta kaj gaja. Ulvard damnis la trudajn kondutojn de Mejl; Vorbek esploris ses mil jarojn de la leĝaro komuna kiel argumento por pruvi ke Mejl estas superregema tirano; la virinoj kaŝridis; Iŭĝinea kaj Runĉjo rigardadis cinike, iom poste foriris pritrakti aferojn proprajn.

Je la mateno, la grupo dormis malfrue. Ulvard finfine ŝancel-iris eksteren sur la terason, al kie la aliaj unuope eliris por kuniĝi kun li. Runĉjo kaj Iŭĝinea mankis.

“Junaj gefriponetoj,” ĝeme plendis Vorbek. “Se ili estas perditaj, ili devas trovi la reiran vojon per si mem. Je serĉ-teamano mi ne aniĝos.”

Je la tagmeza horo, Runĉjo kaj Iŭĝinea revenis en la flugĉaro de Ulvard.

“Pro la ĉielo!” kriegis Ravlea. “Iŭĝinea, ekvenu ĉi tien nun-momente! Kie vi estis?”

Juvenal Akvister inspektis Runĉjon severe. “Ĉu vi perdis la menson, preninte la flugĉaron de Ulvard sen peti lian permeson?”

“Mi petis lin hieraŭ-nokte,” Runĉjo deklaris indigne. “Li jesis, dirante, ke ni prenu ion ajn krom la vulkanon ĉar tie li domas kiam la malvarmas, nek la marĉon ĉar tie li forĵetas la elĉerpitajn ujojn.”

“Preter ĉio,” diris Juvenal en voĉo malŝata, “necesas ke vi pli multe saĝu. Kien vi estas irinta?”

Runĉjo nervoze moviĝetadis. Iŭĝinea diris, “Nu, ni iris suden dum ioma tempo, poste turnis kaj iris orienten—mi kredas, ke estis la oriento. Ni kredis, ke per flugi malalte, Lamstro Mejl nin ne vidus. Do, ni flugis malalte, tra la montoj, kaj post nelonge ni atingis oceanon. Ni iradis laŭ la strando kaj trovis domon. Ni surgrundiĝis por eltrovi kiu loĝas tie, sed neniu ĉeestis.”

Ulvard entenis ĝemon.

“Pro kio oni volus havi kaĝegon de birdoj?” demandis Runĉjo.

“Birdoj? Kiuj birdoj? Kie?”

“Ĉe la domo. Estis kaĝego kun multe da grandaj birdoj, sed iel ili liberiĝis dum ni ilin nur rigardis kaj ĉiuj forflugis.”

“Ĉiuokaze,” Iŭĝinea pludiris rapide, “ni decidis ke estis la domo de Lamstro Mejl, do ni skribis noton, dirante pri tio kion ĉiuj pensas pri li kaj pingle fiksis ĝin al la pordo.”

Ulvard frotis sian frunton. “Ĉu nur tio entute?”

“Nu, preskaŭ entute.” Iŭĝinea fariĝis timeta. Ŝi ekrigardis Runĉjon kaj ili du ambaŭ subridis nervoze.

“Estas io plu?” kriegis Ulvard. “Kio, pro la ĉielo?”

“Nenio tre multe,” diris Iŭĝinea, sekvante fendon en la terasa planko per piedfingro. “Ni metis kaŝ-kaptilaĵon supre ĉe lia pordo—nur sitelon de akvo. Post tio ni hejmenvenis.”

La ekrana zumilo eksonis interne de la biendomo. Ĉiu ekrigardis Ulvard-on. Ulvard ellasis profundan suspiron, malrapide stariĝis, eniris la domon.



Tiun saman posttagmezon, estis atendite, ke la kurierŝipo de Foraj Ringoj preterpasu la halto-punkton. Frobiŝer Vorbek subite sentis akrajn maltrankvilecojn de la konscienco pro esti neglektinta sian komercon dum li forspezis horojn en malvigla ĝuado.

“Ho, longtempa amiko mia!” eksklamaciis Ulvard. “Malstreĉado bonas al oni!”

Prave, konsentis Frobiŝer Vorbek, se oni povas fari sin senzorga dum fronti riskon de fiasko rezulte de la malzorgemo de subuloj. Malgraŭ tio ke li priploris la neceson, spite al propra inklino resti ĉi tie nenionfarante dum semajnoj, li sentis devon foriri—kaj ne eĉ minuton pli malfrue ol ĉi posttagmeze.

Aliaj el la gastaro same rememoris gravajn aferojn kiujn ili devis prizorgi, kaj

tiuj restantaj sentis tion domaĝe, ke la kapsulo supreniru duone malplena kaj ankaŭ decidis hejmeniri.

Argumentoj fare de Ulvard frontis durajn murojn el obstineco. Iom malĝoje, li kuniris ĝis la kapsulo por adiaŭi la gastojn. Dum ili engrimpis tra la kluzo, ili diris siajn adiaŭajn dankojn:

"Bruham, estis absolute mirinde!"

"Vi ne povas imagi tion, kiom multe ni estis ĝuantaj tiun ĉi ekskurson, Lamstro Ulvard!"

"La aeron, la spacon, la privatecon—mi neniam ilin forgesos!"

"Estis la pleje, por diri malpleje."

La kluzpordo firmiĝis frape en ĝia ingo. Ulvard paŝis malantaŭen, mangeste adiaŭante kun hezitemo.

Teĉjo Siho etendis por premi la butonon *Aktivigi.* Ulvard eksaltis antaŭen, alfrapadis la pordon.

"Atendu!" li laŭte ekkriis. "Ankaŭ mi havas aferojn pritraktindajn! Mi venos kune!"



"Envenu, envenu," diris Ulvard entuziasme, malfermante la pordon al triopo el sia amikaro: Kobel kaj lia edzino Heŭlia Sansom, kaj la juna, bela nevino de Kobel, Landina. "Mi ĝojas vin vidi!"

"Kaj ni feliĉas pro veni! Ni aŭdis multe pri via mirinda ranĉo, ni nervozis ĝis emo eksalti la tutan tagon!"

"Ho, ne dece! Ĝi ne mirindas tiom ege!"

"Ne al vi, eble—vi loĝas ĉi tie!"

Ulvard ridetis. "Nu, mi devas diri ke mi loĝas ĉi tie kaj ankoraŭ ĝin ŝatas. Ĉu

vi volas manĝi lunĉon, aŭ eble vi preferus ĉirkaŭ-marŝadi dum kelkaj minutoj? Mi ĵus finis fari kelkajn ŝanĝojn, sed mi feliĉas raporti ke ĉio estas en ordo."

"Ĉu ni rajtas tuj ĝin spekti?"

"Kompreneble. Venu ĉi tien. Stari ĝuste tiel ĉi. Nu—ĉu vi pretas?"

"Prete."

Ulvard glitigis la muron eke flanken.

"Uuu!" enspiris Landine. "Ĉu ne belege!"

"La spaco, la sento de malpleneco!"

"Vidu, arbo! Kia bonega similizaĵo!"

"Tio estas nenia similizaĵo," diris Ulvard. "Tio estas aŭtentika arbo!"

"Lamstro Ulvard, ĉu vi diras la veron?"

"Mi certe veras. Mi neniam mensogas al bela juna virino. Venu sekve, jen tiu ĉi voje."

"Lamstro Ulvard, tiu klifo estas tiel konvinka, ĝi timigas min."

Ulvard ridetis. "Ĝi estas bona faraĵo." Li signalis halton. "Nun—turniĝu."

La grupo turniĝis. Ili elrigardis trans granda ora ebenaĵo, surŝprucita de arbaretoj de blu-verdaj arboj. Rustika biendomo regis la vidkampon, la pordo estanta la enirejo por la vivo-ĉambro de Ulvard.

La grupo staris en silenta admirado. Poste Heŭlia suspiris. "Spaco. Pura spaco."

"Mi ĵurus ke mi estus vidanta kilometrojn," diris Kobel.

Ulvard ridetis, iom sopire. "Mi feliĉas ke vi ŝatas mian etan retretejon. Nu, ĉu tempo ĝustas por ke ni lunĉu? Aŭtentika algo!"

***** Steleto aŭ ne-Zamenhova vokalo markas neologismon de la aŭtoro, kies difinon leganto devas preni el la teksto. Aparte interesitaj anglalingvanoj povas provizi sin per speciala vortaro: *The Jack Vance Lexicon: from Ahulph to Zipangote* kompilita de Dan TEMIANKA, ISBN 0887331181

**alg/o** Multforma grupo de klorofilhavaj, senarkegoniaj, unu- k multa-ĉelaj talofitoj, plejparte vivantaj en akvo. *–EB 362/38 & 43*

**are/o** **1** Parto de la tersurfaco, konsiderata el aparta vidpunkto. **2** Surfaca amplekso.

**bandit/o** Rabisto sur vojo aŭ strato, apartenanta ordinare al bando.

**bekr/o** Vazo por likvaj ĥemiaĵoj, kun larĝa ventro, malgranda verŝlipo, sen ajna tenilo kaj plej ofte havanta mezurgradojn laŭ unu flanko. *–EB 334/20*

**cinam/o** La aroma trunkoŝelo de cinamujo, uzata en formo muelita kiel spicaĵo.

**cinik/a** **1** Apartenanta al antikva sekto de filozofoj, kiuj afekte malŝatis la komforton kaj sociajn decregulojn. **2** Senhonte maldeca; senhontega; montranta indiferentecon k malŝaton por ĉia noblaĵo.

**delt/o** **1** La kvara grafemo de la greka alfabeto (Δ, δ). **2** Triangula insularo, formita de disbranĉiĝo de rivero ĉe ĝia enfluo en la maron

**digest/i** (tr) Elpreni la nutron de manĝaĵo interne de vivanta korpo.

**diurn/o** Tag-nokto en sciencaj dokumentoj.

**ekskurs/o** Longa plezura aŭ esplora promenado.

**ekskvizit/a** Tre malfacile trovebla pro havi ege purajn altkvalitojn.

**ester/o** Kemia kombinaĵo (ofte bonodora), konsistanta el acido organika aŭ neorganika.

**gemut/a** Hejmeca, agrabletosa.

**gir/i** (ntr) Rondire turniĝi.

**gist/o** Unuĉela fungo (precipe la biera sakaromiceto), kiu estigas la alkoholan fermentadon de sukeraj solvaĵoj (i.a. mosto) k ŝveligas paston.

**gru/o** Genro de migrantaj birdoj el la ordo de gruformaj, kun longaj, maldikaj kruroj k kolo.

**haring/o** Marfiŝo vaste migranta, kiu estas ĉiujare grandamase kaptata, precipe laŭlonge de la norvegaj kaj britaj bordoj. *–EB 350/14*

**hortikultur/o** La metio kultivi aŭ forci plantojn, precipe ĝardenajn; ĝardenkulturo en plej vasta senco.

**idioma uzo** En norda ameriko oni nomas dank-leteron *pano-kaj-buteran*. Sekve, en tiu fora futuro, la sintezaĵoj kompreneble anstataŭas ankaŭ en ordinara parolo.

**ĵig/o** Viva angla danco, kaj muzikpeco por tiu.

**kaban/o** Tre simpla dometo, konstruita el krudaj, ne ĉiam fortikaj materialoj, kaj uzata kiel provizora aŭ konstanta loĝejo

**kapriol/i** Kaprica, petola salto en kapra maniero.

**kapuĉ/o** Kapvesto, alkudrita aŭ alfiksita al mantelo. *–EB 282/20*

**kluz/o** **1** Mallarĝa parto de kanalo aŭ rivero, kies ekstremoj estas provizitaj per pordoj, kaj kiun oni uzas, por levi aŭ mallevi ŝipon, barĝon kc inter du kanal- aŭ river-partoj, en kiuj la akvonivelo ne estas la sama. **1** Samfunkcia pordo inter lokoj de disaj aero-premoj, aŭ inter aero-hava kaj alia sen aero.

**krab/o** Ĉiuj el la dekpiedaj krustacoj kun tre malgranda abdomeno kaŝita sub la cetera korpo; kelkaj specioj estas manĝeblaj. **~i** Paŝi flanken kiel krabo, sen fronti tiun direkton.

**lavend/o** Genro de daŭrafoliaj arbustetoj kaj kelkaj tufarbustoj kun folioj mallarĝaj, grizaj, haraj, integraj, dentaj aŭ plume diverse entranĉaj, k kun floroj intense bonodoraj, viole bluaj aŭ viole purpuraj. *–EB 364/7* **~blua** Viole blua, kiel la floroj de la vera lavendo.

**liĥen/o** Blue verda vivaĵo, simbiozita paro, kombino de fungo kaj algo, kapabla kunvivi sur nuda roko, ktp.

**mantel/o** Vasta longa senmanika vesto, per kiu oni kovras la aliajn vestojn. Tie ĉi, speco kun integra kapuĉo.

**marmor/o** Polurebla kalkpetro, tute grandkristala, ofte enhavanta kolorajn vejnojn pro malpuraĵoj, uzata en konstruado kaj skulpturo.

**Maro de Ross** Maro ĉe antarktiko malkovrita de James Ross en 1841.

**melodram/o** Popola dramo kun kortuŝaj emfazaj scenoj kaj plej ofte feliĉa elnodiĝo.

**merg/i** (tr) Enmeti en likvon

**miasm/o** Malsaniga haladzo, eliĝanta el nevideblaj putrantaj eroj de organikaj substancoj.

**musk/oj** Klaso de plantoj sen radikoj kaj sen veraj vaskuloj, kun malgrandaj, verdaj, ĝenerale tufiĝantaj tigoj, kun ofte densaj folioj kaj kun kruĉoformaj sporujo. Kutime vidata ĉe subo de arbo ĉe ombra flanko. *–EB 361/17*

**ort-angul/o** Kvarangulo, kies kvar anguloj estas ortoj.

**pastel/o** Lentoforma bombono aŭ medikamento.

**paŭt/i** (ntr) Montri malbonhumoron, malkontentiĝon ks, antaŭenigante la lipojn en grimaceto.

**petol/i** Uzi sian troon da energio en sencelaj, viglaj sendisciplinaj movoj.

**populaci/o** **1** Aro de objektoj aŭ vivantaj estaĵoj, pri kiuj oni serĉas informojn. **2** Tuto de la individuoj, apartenantaj al unu specio, vivantaj en difinita habitato.

**preri/o** Vasta ebenaĵo kovrita de herboj, plejparte sen arboj.

**protein/o** Tiu nutra substanco havebla per manĝi viandon kaj konsistanta ĉefe el

aminacidoj.

**rad-ruli** Gimnastika moviĝo por riligi sin flanken sur piedoj kaj manoj kiel rado. –*EB 278/30*

**ranĉ/o** Establo de brutbredado kutima al la vastaj ebenaĵoj de N-Ameriko.

**restaŭr/i** (tr) Provi remeti en la originan staton per rekonstruo, riparo, repentrado ktp.

**retret/o** **1** Ceda returniro de armeo, kiu forlasis pozicion sub la premo de la malamiko. **2** Retiriĝo for de la kortego, de la publikaj funkcioj, de la burĝa vivo. **~ejo** Izola domo en loko de natura belo.

**rotond/o** Ronda konstruaĵo kun kupolforma tegmento. *–EB 316/55*

**rustik/a** Prezentanta simplan, eĉ krudan prilaboradon, kiu restigis multajn neregulaĵojn, malglataĵojn ktp.

**salubr/a** Favora por la sano.

**scirp/o** Akvoplanto, kultivata por ornamo, la plej grandaj uzataj por farado de korboj, sidmatoj de seĝoj kaj simile.

**sintez/o** **1** Operacio, per kiu multeco estas reduktita al unueco, per kombino aŭ kunigo (malo de: analizo). **2** Operacio, per kiu, kombinante elementajn komponantojn, oni ricevas novaspecan produkton, kun apartaj ecoj. **3** produktado de nature troveblaj kombinaĵoj per sintezo el ties kemiaj elementoj.

**sukulent/a** Havanta foliojn aŭ tigojn karnodikajn kaj sukplenajn. **~aĵo** Planto iom simila al sendorna kakto.

**surf/o** Ŝaŭmo k tumulto de marondoj, kiuj rompiĝas sur borda sablaĵo aŭ rifo k fortege retroiras.

**teks/i** (tr) Dense interkrucigi la fadenojn de vefto kaj de varpo, por elfari ŝtofon. **~atoro** Granda aŭtomata maŝino, servanta por teksi. *–EB 159/1*

**teras/o** **1** Alta ebena teramaso, subtenata per masonaĵo kaj aranĝita en ĝardeno por

ĝuigi belvidon aŭ faciligi promenadon. **2** Ebena areo apud konstruaĵo (trinkejo, restoracio k.a.), kie eblas sidi por manĝi kaj trinki. *–EB 39/36*

**tri ĥemiaĵoj** Tiujn ĉi tri ĥemiaĵoj (supozeble gusto-donaj ingrediencoj) aperis sen detala ekspliko en la originalo.

**veld/i** (tr) **1** Kunfiksi du metalajn pecojn, ardigante ilin tiel, ke la junto fariĝas flueca, kaj poste kunforĝante ilin kiel unu tuton, aŭ samtempe almetante fanditan metalon en la junton. **2** Samspeca agado pri aliaj materioj.

**vicluig/i** Luigi parton de domo aŭ loĝejo, kiun oni mem luas.

# Senpage Haveblaj

http://esperanto.us



## Fantasto — *La Mortanta Tero*

**Mazirien la Magiisto**
Ses interligitaj noveloj pri la fintempo de la Tero, kiam magio superas ol scienco post ol la luno delonge malaperis kaj eĉ la suno mem ŝvelas ruĝe montante makulajn signojn de baldaŭa mallumiĝo.

**La Sorĉisto Fejresm**
Kugel la Ruza manĝas ion nedigestablan.

**La Sakpleno da Sonĝoj**
Kugel la Ruza konkursas en spektaklo de magiaj mirindaĵoj.

## Scienca Fikcio — *Diversaj*

**Trigamba Joĉjo**
Sur planedeto senaera du junuloj alfrontas beston nevenkeblan.

**La Luna Sfingo**
En kulturo kie ĉiuj portas maskojn, ĵus alveninta diplomato ĉasas murdiston.

**Domo de l' Se**
Post respondi al reklmao pri aventuro, viro ekfrontas multon pli ol antendite.

**Retretejo Ulvarda**
Kiam surtere estas 50 miliardoj da homoj, ĉu izoleco dezirindas pli ol ĉio?

# Atribuoj

La subaj homoj kontribuis al tiu ĉi traduko, ĉiuj en diversaj tempoj kaj lokoj. Kie mankas indiko pri lando, tio okazis en Usono.

**Verkis:**

Jack Vance (1916-2013)
Anglalingva titolo: *Ulward's Retreat*

**Permesis:**

Jack & Norma Vance *(inter 1997 & 2013)*
John Vance & Spatterlight Press *(post 2013)*

**Tradukis:**

Ĝan Ŭesli Starling
Gerard van Wilgen — *Nederlando*

**Ilustris:**

William Michael Mott *(unu bildon kaj la kovrilon)*

**Kontrolis:**

Orlando Hernández — *Hispanio*
*Pluaj kontrolistoj invitiĝas — Ĉu eble vi?*

Se vi volas kontribui per ilustri aŭ per plue kontroli, peti aldonon en la vortaro, ktp, kontaktu min epoŝte laŭ la jena adreso: gan@starling.us

